# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 07/06/2018 Tricentsepdeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,720,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,340,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 377,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2,480 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 31 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Por faciligi la komprenon ante la medialan voĉon estas utila lerni, ke la mediala voĉo estas speco de pasiva voĉo, kaj ke la diferenco estas nur, ke en la plena pasivo oni scias kaj ofte mencias la originan aganton de la aktiva voĉo, esprimitan per la prepozicio "de". Ekz. el la aktivo "La knabino lavis la ŝtonon" venas la pasiva "La ŝtono lavatis (de la knabino)". Sed en la Medialo esprimatas nur la origina objekto, la ŝtono, kaj kiun agon ĝi suferas nun, nome lavati aŭ laviĝi. Neniel indikatas kiu aŭ kio estis la origina kaŭzanto de la ago "lavi". Oni ne scias aŭ ne volas diri. La bildo montras nun nur la ŝtonon kaj ĝian laviĝadon aŭ puriĝadon. Kreante tiun logikan medialan voĉon Zamenhof tre riĉigis kaj unikigis Esperanton. Bedaŭrinde la Esperantistoj ankoraŭ ne sufiĉe uzas ĝin, sed tio verŝajne ŝanĝiĝos.




*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 2a de Junio estis la unua sabato.
Venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham kaj Ian Wylles.



# 'G a r d e n e b l a ĵ o j .



**KROMO PRI LA PREPOZICIO " D E ".**

Antaŭe ni konstatis, ke en Esperanto, pro Zamenhof, la prepozicio "de" havas kvar tute malsamajn signifojn, **1e**. Posedo kaj aparteno kaj rilato, ekz. "La biciklo de la patro", "La varmeco de la amikeco",

'La konsekvencoj de la akcidento", kaj "Longeco de du metroj"; **2e.** La aganto (subjekto) de antaŭa substantivo elverba, ekz. "La dormado de la infaneto"; **3e.** La gramatika objekto de antaŭa substantivo elverba, ekz. "La disdonado de la donacoj"; kaj **4e**. La foriĝo el antaŭa situacio, ekz. "La transiro de Buda al Peŝto" kaj "La reveno de Ateno".

Estas komprenebla, ke tiuj kvar signifoj povas kaŭzi miskomprenojn. Tio okazas ankaŭ en eŭropaj lingvoj, en kiuj ekzistas simila, kvankam malplia, plursignifeco. La angla lingvo havas nur unu problemeton pri "de", ĉar ĝi havas specialan vorton por kazo 2), nome "*by*", kaj por kazo 4) la vorton "*from*", kaj ofte por kazo 1) la t.n. genitivon (*"My father's bicycle*"). Ĉe miskompreneblo la eŭropaj lingvoj devas aliformi siajn frazojn aŭ aldoni ekstrajn vortojn klarigajn. En Esperanto oni devas ne fari tion, ĉar ĝi devas esti logika kaj klarsenca. Se ekzistas du- aŭ trisenceco ĉe "de", ni havas specialajn prepoziciaĵojn. Tiuj estas "ate de" por kazo 2), "ante al" por kazo 3), kaj "el" aŭ "for el" aŭ "for de" aŭ "el de" por kazo 4).

Por kazo 4), kiu signifas la foriĝon el io, ofte ne necesas uzi la alternativojn, ĉar tiam la simpla "de" klaras. Jen tiaj ekzemploj: "La vojaĝo de Romo al Venecio", "La ŝanĝiĝo de raŭpo al papilio", "Ŝia foresto de la laboro", "La rekta elsendo de la radiostacio", "Ĝia malapero de la surfaco", "La festo de la kvina horo ĝis la deka", "Ĝia pliboniĝo de tiu momento nunen", kaj "De nun mi ne plu drinkos". Sed en la sekvantaj ekzemploj la specialaj prepoziciaĵoj necesas. Rigardu la jenajn duaĵojn: "La retroveno el de Noum'ea", kie mi retrovenas el tiu urbo, kaj "La retroveno ate de Noum'ea", kie tiu urbo retrovenas al sia antaŭa turismograveco. Same pri "La festo el de la mateno" kaj "La festo de la mateno", kaj "La veturado el de mia onklo" kaj "La veturado ate de mia onklo", kaj "La malapero for de la luno" kaj "La malapero ate de la luno", kaj "La pliboniĝo el de tiu periodo" kaj "La pliboniĝo ate de tiu periodo", kaj "La retroveno el de la gepatroj" kaj "La retroveno ate de la gepatroj", kaj "La forpreno el de la infano" kaj "La forpreno ate de la infano" kaj "La forpreno ante al la infano", kaj "La pentraĵo el de la vendisto" kaj "La pentraĵo ate de la vendisto" kaj "La pentraĵo ante la vendiston", kaj "La trankvilo el antaŭ unu horo" kaj "La trankvilo de antaŭ unu horo", kaj "La varoj el la butiko" kaj

"La varoj de la butiko", kaj "La akcepto el de la urbestro" kaj "La akcepto ate de la urbestro" kaj "La akcepto ante la urbestron", kaj "La ĉaso ate de la birdo el de la nesto" kaj "La ĉaso ante al la birdo el de la nesto". En ĉiuj ĉi menciitaj kazoj la nura "de" kaŭzus miskomprenon.

Notu ke "al en la nesto" = "al situacio en la nesto" kaj ke "el de la knabino" = "el situacio kie io apartenas al la knabino". Notu ankaŭ "La poemoj venantaj el de la knabino" (el ŝia posedo) kontraŭ "La poemoj ate de la knabino", kaj "La poemoj el ĉe la knabino", kie la poemoj ne bezonas aparteni al ŝi.

*Marcel Leereveld.*

## ŜANĜIĜO DE VESTAj MODOJ.

Antaŭe mi menciis, ke malfacilas al mi ŝati modernan muzikon kaj modernajn kantojn, ne pro tio kion la eventualaj vortoj diras, kioj ja estas eternaĵoj, sed pro la tedaj ritmo kaj melodioj.

Mi havas la samajn problemetojn pri la vestaj modoj. Kiam mi estis knabo, en la dudekaj jaroj, mi rimarkis ke nova modo uzatis unue de la prostituinoj, kiuj kuraĝis tion, kaj post tio la riĉulinoj uzis la novan modon, kaj ke nur post tio la resto de la popolo akceptis kaj ekuzis la novan modon. Tio klare okazis en Nederlando pri la tiam inventita modo de la pantalonoj por virinoj, la t.n. *jeans* (ĝinzoj). Ĝis la fino de la antaŭa jarcento la kutimo estis, ke larĝkruraj pantalonoj estis por viroj, kaj mallarĝkruraj pantalonoj estis por virinoj. Dum mia tuta vivo mi bezonis, se mi volis, rigardi nur la krurojn de homoj por scii ĉu temas pri viro aŭ virino. Tial mi nun vomemas, se mi vidas viron kun la virina mallarĝkrura pantalono. Vidi viron, inkluzive de mia filo, kun virina pantalono forte naŭzas min. Kutimo, kutimo, kutimo!
*Marcel Leereveld.*

## MALEBLIGI MILITOJN.

Ofte militoj estas perforta daŭrigo de pacaj, ne pacemaj, bataloj ekonomiaj. En ambaŭ kazoj la batalo estas por havi potencon kaj pli da potenco, por tiel havi pli da posedoj kaj pli bonan socian vivon. Do anstataŭ, aŭ almenaŭ samtempe kun, batali kontraŭ militoj utilas batali kontraŭ la kaŭzoj de militoj, kiuj kuŝas en la ekonomia batalado. La ekonomia batalado ne estas nur batalo inter kompanioj kaj firmaoj, sed ankaŭ inter personoj. Estas vera ke parto de la popolo ne aŭ malmulte partoprenas en tiu batalo, ekzemple la senlaboruloj, la infanoj, la malsanuloj, kaj la pensiuloj, sed la resto batalas, devas batali, unu kontraŭ la aliaj por ne perdi la multan aŭ malmultan potencon, riĉecon, kiun ili per antaŭa batalado konkeris.

AŬ oni akceptas ke la interpersona batalado kaj la batalado de la grandaj jam tre potencaj kompanioj estas normala, kaj ke do militoj estas normalaj, AŬ oni akceptas ke jam en sia lando kaj dum pacaj cirkonstancoj oni devas senigi sin de la, precipe ekonomia, enlanda interbatalado. Ideale ĉiu homo havu la saman potencon, la saman parton de la riĉaĵoj. Se ĉiuj aŭstralianoj decidus tion, mi kiel riĉulo volonte fordonus mian ekstran potencon kaj riĉecon. Kaj mi pensas ke la plejmulto el ni farus tion, sed nur se ili povus esti certaj ke ĉiu aŭ la plejmulto akceptus tiun egalecon. Ĝi certe ne farus nin pli malriĉaj kune. La problemo estas ke la grandege potencaj individuoj, kvankam tre malmultaj, batalos, se necese per milito, kontraŭ la granda malpli potenca parto de la popolo.

En malnovaj epokoj okazis pluraj praktikaj klopodoj tiucelaj kun variaj sukcesoj. En modernaj tempoj ni havas la ekzemplon de Norvegujo kie neniu havas la leĝan rajton posedi aŭ ricevi pli da posedo, pli da potenco do, ol iomete super la meza nivelo. En la granda afrika lando Mozambiko oni sukcesis krei socion en kiu neniu ricevis pli altan salajron ol la mezan, do tiel ke la respublika prezidisto ricevis ekzakte la saman salajron kiel la, cetere tre utilaj, kontraŭ malsanoj gravaj, stratpurigistoj. La egaleca aranĝo kontentigis la grandan plejmulton el la mozambikanoj. Kaj ĝi kontentigus min, kaj verŝajne tre multajn aŭstralianojn. Sed tiaj ŝanĝoj plej facile okazas post militoj, aŭ, kiel en la kazo de Mozambiko, post la libervola foriro de la antaŭaj potenculoj, la portugaloj.

Do, mi atendas por fordoni miajn riĉaĵojn libervole kaj ŝate, se la aliaj aŭstralianoj faros la samon. Kiom longe mi devas atendi? Mia promeso estas sincera, ne ĉar mi antaŭvidas ke la aŭstralianoj estos tro malkuraĝaj por fari la samon, sed ĉar mi ĝojus elmigri al lando kiu tian situacion jam havas.

*Marcel Leereveld.*



# Mia respondo al la komentoj de Marcel pri retro.

En AE 374 (paĝoj 4-5) mi esprimis mian opinion ke iuj kontribuintoj de AE miskomprenis la signifon de la vorto **retro**. Ĝi estas utila ne nur pri movado malantaŭen (*backwards*), sed ankaŭ por aliaj aferoj, ekzemple **retroaktiva**, **retrorakedo**, **retrospegulo**, k.a.

Marcel respondis (AE 375, paĝo 7) kaj diskutis ideojn pri la vortumado de frazoj pri '"veni kaj iri kaj sendi" en kontraŭa direkto'. Tio diferencas de la senco de **retro**. Ŝajnas ke por tio Zamenhof ofte uzis la vorton **returne**, kaj *CorpusEye* donas multajn ekzemplojn el liaj klasikaj verkoj. Jen kelkaj, kun miaj tradukoj:

- Poste Hjalmar veturis returne hejmen. – *Afterwards Hjalmar drove back home*
- por ke mi povu returne tiri vin supren... – *so that I can pull you back up*
- ili ne bezonis veni returne hejmen... - *they did not need to come back home*
- Li iris returne al la Orienta strato kaj laŭlonge trairis ĝin... - *He went back to East Street*
- Li prenis ilin returne;... – *He took them back*
- la sorĉisto volis ekflugi returne... – *the wizard wanted fly off back*
- Kiam li elspezis spesdekon, li ricevis spesmilon returne. – *When he spent ten spesos, he got a thousand spesos back.*
- Sed kial do vi tuj suprenvenis returne al ni? - *But why did you immediately come back up to us?*
- Kaj la luno iris returne malantaŭ la nubojn... – *And the moon went back behind the clouds*

PMEG informas ke "*Returni* kaj precipe *returna* kaj *returne* estis antaŭe uzataj ankaŭ pri reirado kaj redonado, pro influo de nacilingvaj vortoj... Nun oni uzas tiujn vortojn nur kiam temas pri efektiva turnado."

Kiuj aliaj rimedoj disponeblas? Mi rimarkis ke en multaj tiuj ekzemploj, la vorto **returne** ne estas esenca, do oni povas ellasi ĝin. Simile, en la anglaj tradukoj, oni povas ellasi la vorton *back*. Ekzemple:

- Poste Hjalmar veturis hejmen. – *Afterwards Hjalmar drove home*

*Donald Rogers*

---

# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 3an de Junio sep homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj ludis *Diru Ne Diru*

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 4an de Junio sep homoj (inkluzive de unu komencanto) venis por kunveni ĉe Ross House. Ni daŭrigis nian tradukadon de *Mil kaj Unu Noktoj*, kaj babilis.

**VENONTAJ KUNVENOJ** (ni ne kunvenos Lundon la 11an de Junio pro publika ferio)

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 3an de Junio je 15:00-17:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1151 Instagram – 162

Facebook – 384 Telegram – 19

Twitter – 389

*Joanne Johns*

---

BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj



## Ĉu tio estas skribita en la steloj ??

Stelobservulo Petro sub la hele stelluma ĉielo de sud-orienta Kvinslando. Li kontribuis kun 40000 plus partoprenoj kaj starigis novan mondrekordon je la 23a de majo. *Peter Danzer*

---

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Oka ero



Venis kristnasko, kaj mi estis libera kristnaskan vesperon. Tio signifis, ke mi ne estos libera novjaran vesperon. Kompreneble ne, ni ĉiuj rajtis liberi almenaŭ unu el la du vesperoj. Novjaran vesperon mi surmetis la uniformon, kaj kune kun Audrey, Marko Anglo, Allan, kaj Linda, kiu intertempe naskiĝis, ni iris viziti Arne kaj Gerda Lauridsen, por celebri iomete kun ili, antaŭ ol mi iros noktodeĵori.

Arne estis iama noktogardisto, kiu iam instruis ankaŭ min. Li noktogardistis dum la nokto, ĉar tion oni ne povas fari dumtage, tiam oni povas nur tagogardi. Sed dum la tagoj li laboris en sapofabriko. Kaj li laboris tre forte, ĉar li havis edzinon kaj kvar infanojn. Okazis tio, kio kompreneble devas okazi. Li dormis dum la noktoj anstataŭ fari siajn rondojn. Kelkajn monatojn poste la laboremaj estroj eltrovis tion, kaj li estis vokita al unu el la direktoroj. Ni havis du, ĉar unu devas ja havi alian, kun kiu paroli, ĉu ne ? "Nu, Lauridsen", diris la direktoro, "jen disiĝas niaj vojoj !" "Kio", respondis Arne, "ĉu vi forlasos nin ?" "Ne", diris la direktoro, "sed vi forlasos nin"!

Dum tiu novjarvespero Arne decidis, ke mi restu la tutan nokton ĉe li. Post multaj protestoj mi cedis. Mi restu. Arne kaj mi iris al la plej proksima telefonbudo, kaj Arne telefonis al la eksmarsoldato. "Jen parolas la najbaro de Felby. Felby estas tre malsana hodiaŭ, kaj ne povas iri labori". "Ha, ĉu estas vi Lauridsen, diris la eksmarsoldato, mi memoras vin". "Ne", ne estas Lauridsen", diris Arne, "mi estas la najbaro de Felby".

Arne kaj mi iris kaj daŭrigis la feston. Okazis nenio. En la posta mateno, post kiam mi ellitiĝis kaj sidis antaŭ la skribmaŝino, venis la eksmarsoldatoficiro kaj insultis min. "Vi ne estis malsana hieraŭ vespere. Vi festis kune kun Lauridsen. Mi iris ĉi tien por vidi vin. La tuta domo estis ŝlosita, kaj neniu estis hejme". "Kompreneble neniu estis hejme", mi malsaniĝis ĉe Lauridsen". "Jes, kaj Lauridsen telefonis, kaj mensogis! "Li ne mensogis, mi estis malsana" ! "Gardu vin !" li diris, kaj foriris.

Diris Audrey, "vi instruis lin kaj prizorgis lin tiom longe. Li ne devus trakti vin tiel malamike. Aliĝu al la gardistaro de la kastelo.

*Daŭrigota* *BobFelby*







**3ZZZ** ........ En la elsendo de la 4a de junio 2018 eblas audi intervjon de Thema Oliveira Ribeiro el Brazilo pri Esperanto en Brazilo kaj la laboristaro tie. Estas ankau informoj pri la someraj eventoj en la kastelo Grezillon.

Vi povas ne nur legi la artikolojn de Marcel en AE sed ankaŭ lin aŭskulti en la programo de 3ZZZ

Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*







***Se oni ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE***

